la fortika starigo de l' Lieĝa grupo kaj la akiro por ĝi de multe da novaj plej fervoraj aliĝoj. Inter ĉi tiuj ni devas speciale citi S<sup>on</sup> Leŭt.-Kolonelon de Troyer, kiu faris ĉe la « Societo de l' eks-lernantoj de la Lieĝa Industria Lernejo » tre sukcesan paroladon pri kiu priskribis ĉiuj Lieĝaj ĵurnaloj kaj kiu certe havos tre bonajn rezultatojn ; S<sup>ro</sup> de Troyer ankaŭ faris grandan landkarton montrantan la nunan disvastiĝon de Esperanto tra la mondo : tiu landkarto, elmontrata ĉe la montra fenestro de granda magazeno de la Universitata Strato, naskas la sciamon de l' pasantoj kaj kaŭzas plej bonan impreson. Fine, la Lieĝa grupo nun povas esti kalkulata inter la plej fervoraj belgaj grupoj kaj nin tre esperigas por la estonto.

Tiuj rezultatoj estas tiom pli gravaj ke ili preskaŭ certigas la sukceson de l' Esperanta fako, kiun tiu grupo organizos ĉe la Lieĝa Ekspozicio en 1905. Por tiu celo, alvokon oni jus dissendis por ke la Esperantistaro sendu poŝtkartojn ilustritajn kaj neilustritajn al la sekretariejo, (10, Rue Renoz). Ni tre insiste petas ke tiun alvokon oni ne malatentu kaj ke niaj ĉiuj amikoj rapidu respondi je ĝi. S<sup>ro</sup> Sloutzky finas sian raporton, tre dankante je l' nomo de l' grupo la prezidanton S<sup>on</sup> de Hemptinne kaj la profesoron S<sup>on</sup> Asellio kies sindonemo kaj penado povis akiri fruktojn tiel belajn.

**Loveno.** — La tria kurso por virinoj, organizita de niaj Lovenaj amikoj, havis la saman sukceson kiel la unuaj. Tiun kurson antaŭiris tre interesa kunveno de la Virina Sekcio, dum kiu multaj fraŭlinoj kaj ilia senlaciĝa profesoro, S<sup>ro</sup> Mathys, estis aplaŭditaj pro ilia Esperantaj legado, kantado kaj deklamado. Ankoraŭ antaŭ nelonge okazis kunveno de la sama sekcio : tie precipe alestis unu el la iniciatoroj de tiu bela Lovena movado, S<sup>ro</sup> P. Blaise, kiu tiam loĝadis en Loveno post longa vivado en Parizo; liaj humoraĵoj pri la Pariza vivado kaj liaj multnombraj sciigoj pri la progresoj de nia afero en tiu urbego tre interesis la aŭdantaron.

Tiu virina sekcio, kies fervoron ni tre admiras, sendos grandan kvanton da belaj premioj por la Loterio de l' Blinduloj, tiu laŭdindaĵo kiun ni jam ofte rekomendis al niaj legantoj kaj kiun ankoraŭ ni rekomendas.

S<sup>ro</sup> E. Mathys, (5, Augustijnenstraat, Loveno) fariĝis sekretario de l' grupo.

**La gazetaro.** — Kelke da pli aŭ malpli favoraj artikoloj ankoraŭ aperis en la belga gazetaro. Ni precipe

eu pour résultat d'établir solidement le groupe de Liége et de lui procurer plusieurs nouveaux éléments des plus actifs. Parmi ceux-ci, il faut citer spécialement M. le Lieutenant-Colonel de Troyer, qui a donné à la « Société des élèves sortis de l'Ecole Industrielle de Liége » une conférence très réussie dont se sont entretenus tous les journaux de Liége et qui aura certainement de très bons résultats ; M. de Troyer a aussi confectionné une grande carte indiquant la diffusion actuelle de l'Esperanto dans le monde : cette carte, affichée à la devanture d'un grand magasin de la rue de l'Université, excite la curiosité des passants et produit la meilleure impression. Somme toute, le groupe de Liége a pris place parmi les groupes belges les plus zélés et nous donne les meilleures espérances pour l'avenir.

Ces résultats sont d'autant plus précieux qu'ils garantissent presque le succès du compartiment Espérantiste que ce groupe se chargera d'organiser à l'Exposition de Liége en 1905. A cet effet, un appel vient d'être lancé dans toutes les directions pour provoquer un envoi de cartes illustrées et non illustrées au secrétariat du groupe (10, rue Renoz). Nous insistons très vivement pour que cet appel ne passe pas inaperçu et que tous nos amis se hâtent d'y répondre. M. Sloutzky termine son rapport en exprimant, au nom du groupe, toute sa reconnaissance au président M. de Hemptinne et au professeur M. Asellio dont le dévouement et les efforts ont pu arriver à d'aussi beaux résultats.

**Louvain.** — Le 3<sup>e</sup> cours d'Esperanto que nos amis de Louvain ont organisé pour les dames a remporté le même succès que les deux premiers. Ce cours avait été précédé d'une réunion très intéressante de la section des dames, réunion durant laquelle de nombreuses demoiselles ainsi que leur inlassable professeur, M. Mathys, se firent applaudir dans des lectures, chants et déclamations Espérantistes. Dernièrement encore eut lieu une réunion de la même Section : y assistait notamment un des promoteurs de cette belle campagne Espérantiste de Louvain, M. P. Blaise, qui se trouvait en ce moment à Louvain après avoir fait un long séjour à Paris : son récit humoristique de la vie parisienne et ses nombreux renseignements sur les progrès de notre cause à Paris intéressèrent très vivement l'auditoire.

Cette section des Dames, dont nous admirons beaucoup le zèle, se distinguera encore par un bel envoi de lots pour la Loterie des Aveugles, cette belle œuvre que nous avons déjà recommandée à plusieurs reprises et que nous recommandons encore à nos lecteurs.

M. E. Mathys (5, rue des Augustins) remplira désormais les fonctions de secrétaire du groupe.

**La Presse.** — Quelques articles plus ou moins favorables

*aangehaald hebben, is in de zelfde voorwaarden gesloten en heeft voor gevolg gehad, de groep van Luik kloek op zijne beenen te stellen en haar verscheidene nieuwe, van de machtigste bestanddeelen, te verschaffen. Onder deze, moeten wij voornamelijk noemen M. den Luitenant-Colonel de Troyer, die aan de « Maatschappij der leerlingen gekomen uit de Nijverheidsschool van Luik » eene zeer welgelukte voordracht gegeven heeft, welke al de dagbladen van Luik besproken hebben en die voorzeker zeer goede gevolgen zal hebben; M. de Troyer heeft ook eene groote kaart gemaakt, aantoonende de hedendaagsche uitgebreidheid van het Esperanto in de wereld; deze kaart, geplakt aan de voordeur van een groot magazijn der Hoogeschoolstraat, verwekt de nieuwsgierigheid der voorbijgangers en brengt den besten indruk teweeg. Na alles, heeft de Luiksche groep plaats genomen onder de ieverigste Belgische groepen en geeft ons de beste hoop voor de toekomst.*

*Deze uitslagen zijn zooveel te kostelijker, daar zij bijna den bijval waarborgen van de Esperantische afdeeling, welke deze groep zich zal gelasten in de Tentoonstelling van Luik in 1905, op te richten. Tot dit doel, komt eenen oproep in alle richtingen gezonden te worden, om het opzenden van geprente en niet geprente postkaarten naar het sekretariaat van de groep (10, rue Renoz), te verwekken. Wij dringen levendig aan, dat deze oproep niet ongemerkt voorbij ga en dat alle onze vrienden zich haasten hem te beantwoorden. M. Sloutzky eindigt zijn verslag, met de uitdrukking, namens de groep, van geheel zijne erkentelijkheid jegens den voorzitter M. de Hemptinne en jegens den leeraar M. Asellio, wier verkleefdheid en pogingen tot zulke schoone uitslagen zijn kunnen geraken.*

**Leuven.** — *De derde leergang van Esperanto, welke onze vrienden van Leuven voor de Damen hebben ingericht, heeft denzelfden bijval als de twee eerste behaald. Deze leergang was voorafgegaan geweest door eene zeer belangrijke vergadering van de afdeeling der Damen, vergadering gedurende dewelke talrijke jufvrouwen, alsook hun onvermoeibare leeraar M. Mathys, zich deden toejuichen in Esperantische lezingen, gezangen en uitgalmingen. Laatst nog had eene vergadering van de zelfde afdeeling plaats : was namelijk tegenwoordig een der aanleggers van dezen schoonen Esperantischen strijd van Leuven, M. P. Blaise, die zich op dit oogenblik te Leuven bevond, na een lang verblijf te Parijs gedaan te hebben : zijn humoristisch verhaal van het Parijsche leven en zijne talrijke inlichtingen over den vooruitgang van onze zaak te Parijs, boeiden zeer levendiglijk de toehoorders.*

*Deze afdeeling der Damen, waarvan wij den iever zeer bewonderen, zal zich nog onderscheiden door eene schoone zende van prijzen voor de Loterij der Blinden : dit schoone werk dat wij reeds verscheidene malen aanbevolen hebben en dat wij nog onzen lezers aanbevelen.*

konigu la fervoran manieron en kiu Sro E. Chapelier defendas nian lingvon kontraŭ multaj kontraŭdirantoj en la ĵurnalo: « L'Insurgé »; ankaŭ interesajn artikolojn en « La Revue Polyglotte », « La Métropole », k. c. Ni ne forgesu: « Le Soir » kiu enpresas ĉiujn artikolojn koncerne la L. I. escepte tiujn kiuj povus vere instrui ĝiajn legantojn.

La Flandra gazetaro disvastigas pli multe la Esperantan lingvon. En la ĵurnalo « De Limburger » ni trovas gravan kaj longan priskribon pri Esperanto, ĝia meĥanismo, ĝia gramatiko, ĝia disvastigado k. t. p. de Sro Neerdaels. (23an kaj 30an de Julio). Baldaŭ tiuj artikoloj estos kunigitaj en aparta broŝuro, pri tio ni informos niajn legantojn.

La redakcio de l' Lovena literatura ĵurnalo: « Klim op » nin sciigas ke, de l' septembra monato, tiu ĵurnalo regule publikigos Esperantajn tekstojn, verkitajn de Sro Mathys kaj konsistantajn el eltiraĵoj de la nederlanda literaturo (holanda aŭ flandra), skizoj pri la flandraj moraj kaj kutimoj, biografioj de literaturistoj, artistoj, k. c. La abonprezo estas nur 1 fr. (1,50 por la fremduloj): oni abonas ĉe Sro Mathys. Jen tre laŭdinda penado kiun pli ol unu el niaj legantoj certe apogos kaj kiu aperigas tre grandan bonaĵon de nia lingvo; ni certe tion longe priparolos en venonta numero.

Fraŭlinoj Mennig (26, Rue de Parme, Bruselo) konigas per presaĵetoj, skribitaj en 5 lingvoj inter kiuj Esperanto, ke ili oferas pension por la fraŭlinoj, lernantinoj de l' kursoj de Supera Instruado, de franca lingvo, de muziko, pentrarto, k. c.

Dro M. SEYNAEVE.

## Ĥoj.

Ni tre atentigas niajn legantojn (kaj ni ilin incitas tion uzi kiel eble plej multe) pri la grava diritaĵo kiun ni ĉerpas el la raporto pri la Internacia Geologia Kongreso (Vieno 1903), verkita de Sro Michel Mourlon, plej estiminda scienculo, delegito de la Geologia Oficejo de Belgujo kaj de la Belga Geologia Societo kaj vic-prezidanto de la Kongreso:

« Antaŭ ol fini tiun mallongan raporton pri la Viena Kongreso, ĉe kiu la Belga Geologia Societo faris al mi la honoron min delegi, mi devas rimarkigi ke, kvankam tiu kongreso tre interesis la plimulton de la

---

ont encore paru dernièrement dans la presse belge. Signalons principalement l'ardeur avec laquelle M. E. Chapelier défend notre langue contre de nombreux contradicteurs dans le journal: « L'Insurgé »; encore des articles intéressants dans « La Revue Polyglotte », « La Métropole » etc. N'oublions pas « Le Soir » qui accepte tous les articles concernant la L. I., excepté ceux pouvant éclairer véritablement ses lecteurs.

La presse flamande propage beaucoup plus la langue Espéranto. Dans le journal « De Limburger » nous trouvons une importante et longue description de l'Esperanto, son mécanisme, sa grammaire, sa diffusion, etc. par Mr Neerdaels. Bientôt ces articles seront réunis en brochure spéciale, nous en informerons nos lecteurs.

La rédaction du journal littéraire louvaniste: « Klim op » nous informe qu'à partir du mois de septembre ce journal fera paraître régulièrement des textes en Esperanto, rédigés par M. Mathys et consistant en extraits de la littérature néerlandaise (hollandaise ou flamande), aperçus sur les mœurs et les coutumes flamandes, biographies de littérateurs, d'artistes, etc. L'abonnement à la revue ne coûte que 1 fr. (1,50 fr. pour l'étranger): on s'abonne chez M. Mathys. Voilà un effort très louable que sans doute plus d'un parmi nos lecteurs voudra encourager et qui découvre un des plus grands avantages de la L. I.; nous comptons bien revenir longuement dans un prochain numéro sur ce sujet.

Mesdemoiselles Mennig (26, rue de Parme, Bruxelles) font connaître par des cartes imprimées en 5 langues, parmi lesquelles l'Esperanto, qu'elles acceptent en pension les jeunes filles fréquentant les cours de l'enseignement supérieur, de langue française, de musique, peinture, etc.

Dr M. SEYNAEVE.

## Echos.

Nous appelons très sérieusement l'attention de nos lecteurs (et nous les engageons à en faire l'usage le plus large) sur l'importante déclaration que nous extrayons du rapport sur le Congrès Géologique International (Vienne 1903), présenté par M. Michel Mourlon, un de nos savants les plus estimés, délégué par le service Géologique de Belgique et la Société Belge de Géologie et vice-président du Congrès :

« Avant de terminer ce compte-rendu sommaire de la Session de Vienne, à laquelle la Société belge de Géologie m'a fait l'honneur de me déléguer, je dois faire remarquer que si

*M. L. Mathys (5, Augustijnenstraat) zal in 't vervolg de bediening van schrijver der groep vervullen.*

**De drukpers.** — *Eenige min of meer voordeelige artikels zijn laatst nog in de Belgische drukpers verschenen. Melden wij voornamelijk den ijver waarmede M. E. Chapelier onze taal verdedigt tegen talrijke aanranders in het blad: « L'Insurgé »; nog belangwekkende artikels in « La Revue Polyglotte », « La Métropole » enz. Vergeten wij niet « Le Soir » die alle artikels nopens de W. T. aanveerdt, uitgeweerd deze die zijne lezers waarlijk kunnen verlichten.*

*De Vlaamsche drukpers verspreidt veel meer de Esperantische taal. In het blad « De Limburger » vinden wij eene belangrijke en lange beschrijving van het Esperanto, zijnen samenhang, zijne spraakleer, zijne verspreiding, enz. door M. Neerdaels. Welhaast zullen die artikels in eene bijzondere brochuur vereenigd worden; wij zullen er onze lezers van verwittigen.*

*De opstelraad van het Leuvensch letterkundig blad « Klim op » laat ons weten dat, te beginnen van de maand September, dit blad regelmatig Esperantische teksten zal doen verschijnen, opgesteld door M. Mathys en bestaande uit uittreksels van de Nederlandsche letterkunde (Hollandsche of Vlaamsche), overzichten van de Vlaamsche zeden en gewoonten, levensbeschrijvingen van letterkundigen, van kunstenaars, enz. De inschrijving op het tijdschrift kost slechts 1 fr. (1 fr 50 voor den vreemde): men schrijft in bij M. Mathys. Ziedaar eene zeer lofbare poging welke zonder twijfel meer dan een onder onze lezers zal willen aanmoedigen, en die eene der grootste voordeelen der W. T. blootlegt; wij rekenen wel op dit onderwerp in een aanstaande nummer in 't lange terug te komen.*

*De Juvrouwen Mennig (26 Parmastraat, Brussel) laten weten, door kaarten, gedrukt in 5 talen waaronder het Esperanto, dat zij de jonge meisjes, die de leergangen van het hooger onderwijs, van Vlaamsche taal, van muziek, schilderkunst, enz. bijwonen, in pensioen ontvangen.*

## Weêrgalmen.

*Wij roepen zeer ernstiglijk de aandacht onzer lezers en wij nopen ze er het breedste gebruik van te maken, op de belangrijke verklaring, welke wij trekken uit het verslag over het gehouden Wederlandsch Aardkundig Congres (Weenen 1903), voorgesteld door M. Michel Mourlon, eenen onzer meest geachte geleerden, afgevaardigd door den Aardkundigen dienst van België en de Belgische maatschappij van Aardkunde, en ondervoorzitter van het Congres:*

*« Alvorens dit korte verslag van de Zitting van Weenen te*

partoprenantoj, ĝi ankaŭ estis preskaŭ elreviĝo por la fremduloj ne perfekte konantaj la Germanan lingvon Ĉi tiuj lastaj, efektive, tute ne povis tiel efike kiel estus dezirinde partopreni la kunvenojn kaj la ekskursojn kies gvidantoj kaj paroladantoj uzis preskaŭ ĉiam la lingvon Germanan. »

« Tio ŝajnas esti grava malhelpaĵo por la estontaj kongresoj kaj oni necese sin demandas ĉu oni ne povus ĝin forigi per la uzado, ne de lingvo universala kiu ŝajne neniam eliros el la kampo de l' utopioj, sed de lingvo helpa kiel Esperanto, kiu jam kalkulas grandan nombron da adeptoj kaj meritas la tre seriozan atenton de la geologiistoj. »

Jen bona respondo al tiuj kiuj ankoraŭ ĉiutage certigas ke la diverseco de l' lingvoj en la kongresoj naskas nenian malfacilaĵon.

***

La lastaj novaĵoj, kiujn ni ricevis de S^ro komandanto Lemaire, estis datumitaj je l' 9^a de majo : nia eminenta amiko, kiu tre bone fartadas, trovas sufiĉe da tempo por tre interesiĝi je niaj penoj kaj progresoj kaj, kiam tio estas ebla, prosperas eĉ propagandi efike ĉe la samlandoj aŭ fremduloj kiujn li renkontas en Meza Afriko.

cette Session a présenté un grand intérêt pour la majorité de ceux qui y ont pris part, elle a été l'occasion presque d'une déception pour les étrangers qui n'étaient point familiarisés avec la langue allemande. Il a été de toute impossibilité, en effet, pour ces derniers de suivre avec autant de fruit que cela eût été désirable, tant les excursions que les séances, dont les directeurs et les orateurs s'exprimaient à peu près exclusivement en allemand ».

« Cela paraît être un sérieux écueil pour les Congrès à venir et l'on ne peut s'empêcher de se demander s'il n'y aurait point moyen d'y parer par l'emploi, non pas d'une langue universelle qui semble ne pouvoir jamais sortir du domaine de l'utopie, mais bien d'une langue auxiliaire, telle que l'Esperanto, qui compte déjà un grand nombre d'adhérents et mérite d'attirer sérieusement l'attention des géologues ».

Voilà de quoi répondre à ceux qui soutiennent encore journellement que dans les Congrès la diversité des langues ne donne lieu à aucune difficulté.

***

Les dernières nouvelles reçues de M. le Commandant Lemaire étaient datées du 9 mai : notre éminent ami, dont la santé se maintient toujours excellente, trouve le temps de s'intéresser très vivement à nos travaux et à nos progrès et, quand l'occasion s'en présente, réussit encore à faire de la bonne propagande auprès des compatriotes ou des étrangers qu'il rencontre au centre de l'Afrique.

*eindigen, tot dewelke de Belgische maatschappij van Aardkunde mij de eer aangedaan heeft mij af te veerdigen, moet ik doen opmerken dat, indien deze Zitting een groot belang geleverd heeft voor het meerendeel dergenen die er deel aan genomen hebben, zij bijna de gelegenheid geweest is van eene teleurstelling voor de vreemdelingen die de Duitsche taal niet genoegzaam kenden. Het was voor deze laatsten inderdaad gansch onmogelijk, met zooveel vrucht als het wenschelijk was, zoowel de uitstapjes als de zittingen te volgen, waarvan de bestuurders en de redenaars zich bijna uitsluitelijk in het Duitsch uitdrukten. »*

*« Dit schijnt eene ernstige klip te zijn voor de toekomende congressen, en men kan niet nalaten zich af te vragen indien er geen middel zou zijn er tegen op te komen door het gebruik, niet van eene algemeene taal, die schijnt nooit te kunnun opstaan uit het domein der hersenschimmen, maar wel van eene hulptaal, gelijk het Esperanto, die reeds een groot getal aanhangers telt, en de aandacht der Aardkundigen ernstiglijk verdient aan te trekken. »*

*Ziedaar iets om te antwoorden aan dezen die nog dagelijks volhouden, dat op de congressen, de verscheidenheid van talen tot geene moeilijkheden plaats levert*

***

*De laatste nieuwstijdingen ontvangen van M. den bevelhebber Lemaire, waren gedagteekend van 9^en Mei : onze uitstekende vriend, wiens gezondheid altijd uitmuntend blijft, vindt den tijd om zich levendigliik onze werken en vorderingen aan te trekken en, als de gelegenheid er zich toe aanbiedt, gelukt hij nog goede propaganda te maken bij medevaderlanders of vreemdelingen welke hij in 't midden van Afrika ontmoet.*

## Fabelo pri Japana ŝtonhakisto.

Vivis en la lando homo, kiu debatadis ŝtonojn de ŝtonego. Lia laboro estis malfacila, li multe penadis kaj ricevis mizeran pagon por ĝi. Li estis do malkontenta je sia sorto.

Li konstante plendis, ĉar lia laboro estis malfacila. Ian tagon li ekkriis : « Ha, kiel mi volus esti riĉulo kaj kuŝi en palankeno kun ruĝaj silkaj kurtenoj ! »

Kaj jen de l' ĉielo malleviĝis bona genio kaj diris al li : « Estu kiel vi volas ! »

Li iĝis riĉulo kaj kuŝis en palankeno kun ruĝaj silkaj kurtenoj.

La reĝo de tiu lando preterveturis en kaleŝo, ĉirkaŭata de rajdantoj. Post la kaleŝo sin movis ankaŭ rajdantoj, kaj super la kapo de l' reĝo tenis oran ombrelon.

Vidis tion ĉi la riĉulo kaj ekĉagreniĝis, ke li ne havas super sia kapo oran ombrelon. Kaj li senkontentiĝis.

Li plendis kaj kriis : « Mi volas esti reĝo. »

De l' ĉielo malleviĝis bona genio kaj diris : « Estu kiel vi volas ! »

Kaj li iĝis reĝo. Kaj ĉirkaŭ lia kaleŝo sin movis rajdantoj kaj super lia kapo tenis oran ombrelon.

Sed jen suriris la suno kun helaj radioj kaj tiom varmegigis la teron, ke la herbo sekiĝis.

Tiam la reĝo ekplendis, ke la suno bruligas lian vizaĝon kaj superas lin per sia potenco. Kaj li perdis kontenton.

Li ĝemis kaj kriis : « Mi volas esti la suno. »

Kaj bona genio venis de l' ĉielo kaj diris : « Estu kiel vi volas ! »

Kaj li ekestis la suno kaj sendadis ĉien siajn radiojn — supren kaj malsupren, maldekstren kaj dekstren. Li bruligadis la herbon sur la tero kaj la vizaĝojn de l' surteraj reĝantoj.

Sed jen inter la tero kaj la suno interiĝis nubo kaj baris la vojon al ĝiaj radioj.

La suno ekkoleriĝis, ĉar ĝi trovis kontraŭstaron al sia povego, kaj plendis, ke la nubo estas pli forta ol ĝi. Ĝi ĉesis esti kontenta.

Kaj ĝi volis iĝi nubo, kiu sin montris pli povega ol ĝi mem.

De l' ĉielo malleviĝis bona genio kaj diris : « Estu kiel vi volas ! »

Kaj la suno iĝis nubo.

La nubo ekstaris inter la tero kaj suno kaj tenis ĝiajn radiojn tiel ke la herbo reverdiĝis.

Per grandaj gutoj pluvaj sin disverŝis la nubo super la tero. Riveroj eliris de l' bordoj, maralfluoj

superakvigis la paŝtejojn, kaj pro akva superfluo dezertiĝis la kampoj.

Kaj jen falis la nubo sur ŝtonegon, kiun nenio povis ŝanceliĝi, kaj ĝi elverŝis sur la ŝtonegon grandegajn fluegojn. Sed la ŝtonego restadis senmova.

Ekkoleriĝis la nubo, ĉar la ŝtonego ne volis antaŭ ĝi kliniĝi, la penadoj do de ĝiaj fluegoj montriĝis vanaj. Ĝi seniĝis kontenton.

Ĝi ekĝemis, ekkriis : « La ŝtonego estas pli potenca ol mi ! Mi volas esti ŝtonego ! »

Bona genio alflugis de l' ĉielo kaj diris : « Estu kiel vi volas ! »

Kaj la nubo iĝis ŝtonego, kiu restadas senmova, ĉu pluvas, aŭ ĉu radias la suno.

Kaj jen alvenis homo kun hakilo, skulptilo kaj firma martelo. Kaj li komencis debatadi ŝtonojn el ĝi.

Tiam la ŝtonego ekĝemis : « Kio do ĝi estas ? La homo estas pli potenca ol mi, li elŝiras ŝtonojn de miaj internoj ! Mi, sekve, estas do malpli forta ol la homo ? Ha, mi volas esti tiu ! »

Bona genio malleviĝis de l' ĉielo kaj diris : « Estu kiel vi volas ! »

Kaj la ŝtonego aliformiĝis en ŝtonhakiston.

Tradukis K. BOGUŜEVIĈ,
Stavropol-Kavkazskij, Rusujo.

## *Avizo Grava.*

Ni altiras atenton de niaj amikoj kaj abonantoj al la sekvantaj adresoj :

Redakcio de « La Belga Sonorilo » kiu ricevos sciigojn, informojn, interŝanĝojn kaj tion, kio celas aparte la enhavon de la gazeto :

S[ro] Jos. JAMIN, 78, rue de la Longue Haie,
Bruxelles.

Administracio de « La Belga Sonorilo » kiu ricevos la abonojn, la anoncojn, kiu disdonos la pruvajn numerojn, la propagandajn broŝuretojn, k. t. p.

S[ro] L. VANDERSLEYEN, 31, rue des Patriotes,
Bruxelles.

Ni devas multe danki S[ro] M. Seynaeve kiu, ĝis nun, administraciis la ĵurnalon; ankoraŭ ni devas gratuli lin ĉar li sukcesis en ekzameno ĉe la Universitato de Gento kaj ricevis la diplomon de Doktoro de Medicino. Li daŭrigos sian kunlaboron kaj lia adreso estos (nur de oktobro) :

Doktoro Maurice SEYNAEVE,
Heule-lez-Courtrai.

Tiel kiel rimarkos niaj gelegantoj, ni centrigas en Bruselon la redakcion kaj la administracion de nia ĵurnalo. Estos do rekte al S[ro] L. Vandersleyen ke niaj fidelaj abonantoj bonvolu sendi sian jaran abonpagon.

Tiamaniere niaj kunlaborantoj havos pli da tempo ol antaŭe por verki siajn artikolojn kaj eĉ kunlabori al internaciaj revuoj.

La Belga Sonorilo hodiaŭ finigas sian duan jaron; ĝi esperas ke la malnovaj abonantoj helpos ankoraŭ ĝin per frua sendo de lia abonpago kaj per novaj aliĝoj varbitaj de ili.

## *Fremdaj Esperantistoj en Belgujo.*

Dum la unuaj tagoj de la Aŭgusta monato, la diversaj Belgaj grupoj ricevis la viziton de kelkaj Anglaj Esperantistoj : S[roj] Joseph Rhodes kaj John Ellis el Keighley, S[ro] Geo C. Law el Londono kaj S[ro] W. J. Clark el Broughton in Furness.

La multaj samideanoj, kiuj renkontis tiujn fremdulojn, miris multe pri la sameco de la elparolado. Eĉ oni povas diri ke, laŭ la akcento, kiam oni aŭdas paroli Esperanton, oni ne povas diveni la gepatralingvon de la parolantoj; tiu pruvo okazis en ekskurso apud Bruselo kaj ni pri tio raportos en proksima numero. S[ro] Law vizitis nur Bruselon, la tri aliaj samideanoj vizitis Antverpenon, Bruselon, Lovenon, Meĥlenon, Bruĝon, Genton, Kortrakon kaj Ostendon. Al ĉiuj ni diras : dankon por via afabla vizito kaj por la honoro kiun ni ricevis !

# Principaux Manuels en langue française.

*en vente aux dépôts de la Maison* Hachette & C^ie^ *et chez* Spineux & C^ie^ *à Bruxelles.*

**Grammaire et exercices de la langue Internationale Esperanto** par L. de Beaufront. — Prix 1.50 frc (port en plus.)
**L'Esperanto en 10 leçons** par Th. Cart et M. Pagnier. — Prix 0.75 (port en plus.)
**Dictionnaire Esperanto-Français** par L. de Beaufront. — Prix 1,50 (port en plus)
**Vocabulaire Français-Esperanto** par Th. Cart, M. Merckens et P. Berthelot. Prix 2.50 (port en plus.)
**Thèmes d'application** par L. de Beaufront. — Prix 2.00 (port en plus),

# Nederlandsche Handboeken.

Bij den schrijver te Hilversum (Holland) — **Volledig Leerboek der opkomende wereldtaal Esperanto**, door Dreves Uitterdijck, Trompschool, Hilversum. — Prijs : fl : 1.50 (3.25 fr.) verzendingskosten daarboven.
Bij den drukker van *La Belga Sonorilo*, Nieuwe Wandeling, 4, Brugge : **Het Esperanto in tien lessen**, aan fr. 0,50.

La « *BELGA SONORILO* » acceptera des annonces qui devront satisfaire aux conditions suivantes :
1° Etre rédigées exclusivement en Esperanto ;
2° Emaner de personnes s'engageant à correspondre en Esperanto ,
3° Les annonces doivent être prises pour une année entière.

1/16 de page annuellement fr. 8.00
1/8 » » » » 15.00

*De* «BELGA SONORILO» *aanveerdt aankondigingen die aan de volgende voorwaarden moeten voldoen :*
*1° Opgesteld zijn uitsluitelijk in Esperanto ;*
*2° Gegeven zijn door personen die zich verplichten in Esperanto te schrijven ;*
*3° De aankondigingen moeten genomen worden voor een gansch jaar.*

*1/16 bladz. jaarlijks fr. 8.00*
*1/8 » » » 15.00*

# La Carte Postale Illustrée

LA ILUSTRITA POŜTA KARTO.

UNU NUMERO : 30 CENTIMOJ.

*Kosta de la abono :* Francujo : *3.00 fr. jare.*
Alilando : *4.00 fr. jare.*

**7, rue Pierre-le-Grand, PARIS (VIII^ième^)**

# The Cosmopolitan Correspondence Club

— *INTERNACIA ORGANISMO* —

**Organo : « THE GLOBE TROTTER ».**

Alvokas membrojn el ĉiuj landoj. — Pri pli detalaj informoj sin turni rekte al « *The Secretary of the C. C. C.* » Milwaukee. Wisconsin. U. S. A.

# LA REVUE POLYGLOTTE

**REVUO POLIGLOTA POR LERNO KAJ PROPAGANDO DE LA FREMDAJ LINGVOJ**

Eliras en la lingvoj franca, angla kaj germana la 5an kaj la 20an de ĉiu monato. — Kosto : jare 5 frankoj.

*Sin turni al la Direktoro S° F. HERMANN*

**25, rue des Charbonniers, BRUXELLES (Nord).**

# Federacio de la Belgaj Filatelistoj.

Oni Korespondas Esperante.
Pri sciigoj oni sin turnu al la Esperantista Sekretario, S^ro^ J. Coox, Kontisto, en Duffel (Belglando).
Aldonu poŝtmarkon por la respondo.

LUEBLA LOKO.


J. BONTE
BRUGES